# juna amiko

Numero 71

94/4

Internacia
Kvaronjara
Lernejana
Esperanto-
Revuo




Jes! Mi pensas! En mia kapo estas ses pensoj. Ligu ilin kun la sekvaj ses kategorioj!

**dezir o**
**devo**
**kapablo**
**timo**
**permeso**
**malpermeso**

**ilei**

Internacia Ligo de
Esperantistaj Instruistoj

**P**ensoj kaj *mensoj estas nia temo.* Ideoj, *nocioj,* konceptoj, *skemoj,* revoj, vizioj, imagoj, deziroj kaj konstatoj. Ĉio naskiĝas en la cerbo. Nenio eblas sen penso, eble eĉ ekzisto bezonas penson.

**E**n *nia nuna numero ni multe pensigos vin.* Unue *pri malvarmo* kaj neĝa vintro kun kant-invito. Poste per misviculaj enigmoj – unue simplaj, poste komplikaj – ni aktivigos viajn cerbajn ĉelojn.

**N**iaj postaj paĝoj prezentas fotojn por enkonduki la sanfranciskan sekcion, kiu instruos vin pri la scienca pens-maniero. Legu recenzon pri infan-libro en Esperanto kaj rakonton pri ruza kuiristo en Togolando.

**S**ur la mezaj paĝoj enigmo testos viajn sciojn pri la fruaj pioniroj de Esperanto. Memorante, ke la kreinto de nia lingvo estis okul-kuracisto, sekvas artikolo pri blindeco kaj ĝia kuracado.

**A**bundaj informoj pri nia enketilo diskonigas la pensojn kaj vidpunktojn de la respondintoj. Poste ni demandas, ĉu geniuloj naskiĝas, aŭ ĉu oni povas eduki infanojn, por ke ili estu pli talentaj kaj inteligentaj.

**D**evas mi fermi mian enkondukon, ĉar tiu enorma verda monstro invadis la paĝon kaj minacas manĝi mian komputilon, se mi ne tuj donos al li tri paĝojn de la revuo. Ĉu vi rekonas lin/ĝin? Ĉu ĝi amikas aŭ danĝeras?

**O**fte mi petas al niaj junaj legantoj sendi kontribuajojn. Tion mi refoje faras sur nia lasta paĝo, kie mi per-verse sciigas niajn temojn por 1995. Nepre verku por ni. Sed, ve, tuj mi finu, ĉar tiu Mazi-monstro okulumas mian klavaron per minace brilaj okuloj kaj li ekŝmacas siajn lipojn, do ĉion bonan por la nova jaro kaj ĝirezxmdjvuio[idjoidsjflk#@&%^$":+\|**

*Via redaktoro,*
*Stefan MacGill*
*30 nov 94.*

Abono ĉe UEA: 16 NLG. (Akceptas kreditkartajn pagojn)
*Ĉe kasisto de ILEI: 60 SEK* (B. Andreasson, Södra Rörum pl. 455, S-242 94 Hörby, Svedio: pgk. 682117-7

**Redaktoro:**
Stefan MacGill
**Redakcia adreso:** pf. 193, HU-1368 Budapest, Hungario.
**Nia konto ĉe UEA: Juna-I**
(ĉefe por peranta uzo)
ISSN 0230-1318

Vidu liston de perantoj kaj lokaj kotizoj fiksitaj laŭ pagipovo en n-ro 94/3. Rabatoj ĝis 50% por kvantaj mendoj.

# pensi

Kio estas penso? Kiel ni pensas? Kion ni uzas por pensi? Nu, certe ni uzas la cerbon. Ĝi utilas por pli ol teni niajn orelojn disaj! Fakte, eĉ la plej lertaj sciencistoj ne scias precize kiel ni pensas. Kaj tamen ĉiuj personoj, eĉ infanetoj kaj beboj, formas milojn da pensoj ĉiutage.

Tra niaj okuloj venas vidaj impresoj, kaj ni ek-komprenas ilin. Aŭ, ni fermas niajn okulojn kaj formas proprajn bildojn — ni eniras la mondon de imagoj kaj ideoj. Niaj artistoj prenas tiujn ideojn, prilaboras ilin, kaj prezentas ilin al ni per rakontoj, kantoj aŭ aliaj verkoj.

En la nuna sezono, en la norda parto de la mondo, niaj pensoj kaj imagoj fokusiĝas al la vintro. Jen kanto, kiu pensigas nin pri tio...



## Neĝero, blankero

Muziknotoj: Elvira Appel.




Ne- ĝe-ro, blank e-ro, ek- ne-ĝas vi nun. Vi




lo-ĝas en nu-bo, mal-prok-si-ma ki-el lun'.

❷

Al fenestro sidiĝu
beleta vi, stel'.
Flor-foliojn vi pentras;
kiel brilas via hel'!

❸

Neĝero, blankero,
venu valen al ni,
por formi neĝviron,
ĵeti pilkon al vi.

# MISVICULOJ

Ni prezentas liston de kelkaj vortoj. Ili ĉiuj havas ion komunan, krom unu. Vi devas uzi vian cerbon kaj elpensi, kio estas komuna kaj kiu estas la mis-viculo. Klarigu, kial ĝi ne apartenas kun la aliaj. Ekzemple:

*ok, du, kvar, kvin, dek, ses.*

**Respondo:** Ili estas ĉiuj numeroj, sed *kvin* estas la misviculo, ĉar ĝi estas la sola, kiu estas malpara. Ĉiuj aliaj estas paraj.

1. mano, piedo, brako, kruro, kapo, kubuto, genuo.
2. ŝovi, puŝi, tiri, movi, fali, levi.
3. pordo, fenestro, muro, tablo, tegmento, plafono.
4. Nov-Jorko, Toronto, Sanfrancisko, Losanĝeleso, Ĉikago.
5. branĉo, folio, tigo, radiko, stumpo.
6. naŭ, ok, ses, dek du, tri, dek kvin.
7. hotelo, fabriko, hospitalo, butiko, lernejo, stacidomo.
8. nubo, frosto, lago, prujno, pruno.
9. homo, bulo, ŝtormo, floko, viando, kampo, averto

(pri la lasta, rerigardo al la antaŭa paĝo helpos vin!)

## Misviculoj por Progresantoj kaj Ŝercemuloj

En nia antaŭa numero, ni klarigis ke hungare *vicc* siginfas *ŝerco*. Jen mis*vic*uloj per kiuj vi povas ŝerci. Se vi lerte pensas, vi povos trovi klarigon por apartigi iun ajn el la vortoj de la aliaj, ekzemple:

*trajno, ŝipo, aviadilo, tunelo, telfero*

*a)* **tunelo** — ĉar nur ĝi ne estas transportilo. *(kutima respondo)*
*b)* **ŝipo** — ĉar nur ĝi havas supersignon. *(nun la malkutimaj respondoj!)*
*c)* **aviadilo** — ĉar nur ĝi havas du sinsekvajn vokalojn.
*ĉ)* **trajno** — ĉar nur ĝi iras sur reloj.
*d)* **telfero** — ĉar nur ĝi estas lasta en la listo!



1. horloĝo, pilko, ringo, suno, rado.
2. unio, ein, one, unu, egy, un, uno, iĉi.
3. pomo, piro, banano, persimono, pizo.
4. parto, palto, salto, saldo, faldo, mardo.
5. kuniklo, persiko, prizono, pavo, provizo.
6. nomon, kvin, komon, iksan, rimon, nazo.
7. arbo, floro, planto, biciklo, herbo, prezoj.

8. ĵeleo, rublo, risorto, rompon, betono, la turo en Pisa.
9. jupo, ĉemizo, pantalono, ŝtrumpeto, fig-folio, buŝ-tuko.
10. Lucerno, Antverpeno, Parizo, Roterdamo, Vankuvero, Munkeno.
11. komputilo, dento-broso, krajon-pintigilo, skrib-maŝino.
12. Seŭlo, Madraso, Tokio, Pekino, Bankoko, Singapuro, Karakaso.
13. serpento, drato, ŝnuro, rimeno, mia pacienco, atendo-tempo por islanda trajno.

*Respondoj (niaj kaj viaj) venont-numere. Premioj por bonaj solvoj.*



En 1980 la Internacia Junulara Kongreso (IJK) de TEJO okazis en la finna urbo Rauma. Unu el la plej popularaj eroj de la Internacia Vespero estis la kanta prezento de Tiina kaj Lars Kivisto (tiam 3- kaj 5-jaraj) kun piana akompano de la Panjo Sigrid.

Ĉu eblos renkonti ilin, 14 jarojn poste, okaze de la 80a Universala Kongreso en Tampereo aŭ la 29a Konferenco de ILEI en Övik? Pri ambaŭ vidu paĝon 18.

Sed la IJK en la somero de 1995 ne okazos en Finnlando, ĝi same kiel en 1980 aplikos orientigan ŝovon. Tiam la UK okazis en Stokholmo, Svedio, kaj la IJK pli oriente en Finnlando. Nun, kun UK en Finnlando, la IJK okazos en St. Peterburgo. Kiam finfine okazos UK en Moskvo, ĉu la IJK lokos sin en Kamĉatka aŭ Alasko!?

Turnu vian gazeton flanken kaj vi vidos la studentaron kaj instruistojn de la somera E-kurso en Sanfrancisko. Laŭ nia promeso, ni aperigas pli el iliaj kontribuaĵoj. Se vi jam pli frue turnis la gazeton flanken por admiri la foton, turnu ĝin denove por legi ĉi tiun enkondukon kaj la sekvan rakonton!

# LA VIZITONTO

Unu belan tagon sidis birdo sur la pinto de granda arbo kaj ĉirkaŭrigardis. En la mezfora distanco ĝi vidis alian birdon kiu sidis sur supra branĉo de alia alta arbo. Ĝi svingis la flugilon kaj kriis: "Saluton, amiko:" La alia respondis: "Saluton, amiko. Venu viziti min."

"Konsentite! " diris la unua. Sed post kelkaj minutoj ĝi ne alvenis ĉe la supro de la dua arbo.

La vizitota birdo atendis kaj atendadis, sed la unua birdo tute malaperis. La gastigonto daŭris atendi; post duonhoro ĝi ankoraŭ malpacience atendis.

Post tri kvaronoj da horo ĝi kredis, ke la alia iel perdiĝis. Post pli ol horo ĝi malesperis iam ajn revidi la malaperinton. Tamen, post horo kaj duono la vizitanto finfine aperis ĉe la supro de la dua arbo. Ĝi svitis kaj forte anhelis. Ĝiaj plumoj estis polve malpuraj kaj ĝi aspektis terure pro malordo.

"Kio okazis al vi por kaŭzi ke vi alvenas tiom malfrue?" demandis la gastiganto.

"Nu," klarigis la unua birdo: "estas tiom belega tago, ke mi decidis piediri!"

*Rakonto el la kanada gazeto* ***Inter ni.***

**BIRDAJ VORTKLARIGOJ**

*vizitota birdo:* birdo, kiun oni vizitos.
*gastigonto:* tiu, kiu gastigos iun.
*vizitanto:* Iu, kiu vizitas iun alian.
*malaperinto:* Iu, kiu malaperis.
*iel:* iu-maniere.
*ŝviti:* Eligi likvaĵon el korpo pro tro da ekzerco.
*anheli:* spiri tre forte pro tro da ekzerco.



> **Mi estas posedanto de malgranda statistiko,**
> **Kaj ĉie mi kunportas ĝin, sekure en maniko.**
> **Ĝi estas tre utila, se mi havas disputadon,**
> **En ĉiu argumento, ĝi plenpruvas mian pravon.**

# KIEL INTERPRETI SCIENCAN RAPORTON

Legante artikolon en scienca gazeto aŭ aŭdante prelegon sciencan, oni de tempo al tempo renkontas frazeron, kies veran signifon la ne-fakulo povus miskompreni sed kiun la sciencistoj instinkte sub-komprenas. Jen gvidilo al kelkaj tiaj frazeroj por la laikaro (la ne-sciencistoj):

*"Estas de longe sciate... "*
<<Mi ne ĝenis min elserĉi la originalajn referencojn.>>

*"Difinita tendenco evidentiĝas... "*
<<Tiuj ĉi datumoj estas plejparte sensignifaj.>>

*"De granda teoria kaj praktika graveco..."*
<<Interesa al mi.>>

*"Kvankam ne estas eble provizi definitivajn respondojn al tiuj ĉi demandoj..."*
<<La eksperimento fiaskis, sed mi ankoraŭ esperas eldoni la rezultojn.>>

*"Tri el la specimenoj estis elektitaj por detala studo..."*
<<La rezultoj de la aliaj estis preter kompreno.>>

*"Oni montras ĉi tie tipajn rezultojn..."*
<<Mi montras nur la plej bonajn rezultojn.>>

*"Tiuj ĉi rezultoj estos montritaj en sekvanta raporto..."*
<<Eble mi verkos la artikolon, se mi trovos tempon kaj inklinon.>>

*"La plej fidindajn rezultojn trovis Jones..."*
<<Li estis mia student-asistanto.>>

*"Oni kredas ke..."*
<<Mi opinias.>>

*"Estas vaste kredate, ke..."*
<<Du el miaj kolegoj same opinias.>>



*"Estas klare, ke oni bezonas multan pluan laboron antaŭ ol okazos kompleta kompreno pri la fenomeno..."*

<<Mi tute ne komprenas ĝin.>>

*"...ĝustaj kun precizo de unu ordo de grandeco..."*

<<Malĝustaj.>>

*"Oni esperas, ke tiu ĉi studo stimulos pluan esploradon pri la temo..."*

<<Do, mia raporto estas aĉa, sed tiaj estas ankaŭ ĉiuj raportoj pri tiu ĉi damnita temo.>>

*"Atenta analizo de ĉiuj haveblaj datumoj..."*

<<Mi malaperigis tri paĝojn da notoj kiam mi misverŝis glason da biero.>>



## SCIENCAJ VORTKLARIGOJ




**interpreti:** klare kompreni
**instinkte:** tuj kaj nature
**referenco:** informoj pri la preciza loko de iuj informoj.
**tendenco:** trajto aŭ karaktero aŭ indikoj pri difinita direkto.
**datumoj:** sciencaj informoj, ofte numeraj valoroj.
**provizi:** doni, liveri
**fiaski:** malsukcesi grand-skale
**specimeno:** objekto aŭ materialo uzata en scienca testo.
**inklino:** deziro, emo.
**stimuli:** kuraĝigi, instigi

— tradukis Steĉjo Norvell, unue por la kanada gazeto *Inter ni*



Kio estas libro-recenzo? Se iu legas libron kaj ŝatas (aŭ eĉ ne ŝatas) ĝin, tiu povas verki raporton pri la enhavo de la libro. La recenzanto informas vin, kion li aŭ ŝi pensas kaj opinias pri la libro. Jen Blazio Vaha rakontas...

***Oni rakontas al infanoj plenkreskuloj aŭskultu!***




Mi ricevis de Tomasz CHMIELIK (*Tomaŝ Ĥmjelik*) bonan libron.

La aŭtoro estas Peter BICHSEL.
La titolo estas Rakontoj por infanoj.
La verkada lingvo estas la germana.
La lingvo de la libro estas Esperanto.
La tradukintoj estas Gerd BUSSING kaj Tomasz CHMIELIK.
La libro estas produktita en Sĺvidniko, Pollando.
La aper-jaro estas 1991.

Imagu, Tomasz CHMIELIK redaktas librojn kompute, kaj produktas ekzempleron aparte por ĉiu el la petantoj. La libro havas la titolon Rakontoj por infanoj, sed mi spertis, ke ĝi estas interesa kaj por infanoj kaj por plen-kreskuloj. Infanoj eble perceptas ĝin ŝerca. Plenkreskuloj ĝin komprenas grotesketa, tamen hom-am-eca.

La rakonto La tero estas globa temas pri viro, kiu, se citi "havis nek infanojn, nek laboron, pasigis sian tempon repripensante ĉion, kion li sciis." Se ne plu citi, li interalie sciis, ke nia tero estas globa. Sed li ekvolis tion kontroli. Li pensis: simple, oni bezonas ekmarŝi rekte antaŭen, poste marŝi kaj marŝi, ĝis oni rimarkos sin reveninta.

Li ĉe skribo-tablo skizis la itineron kaj li ekiris. Li renkontis domon. Li revenis al sia skribotablo kaj skribis, kion li bezonos por la vojaĝo — ŝtupetaron por grimpi sur la domon, ŝnuregon kaj grimpilojn por transiri arbojn, arbaron. Medikamentojn por okazo de vundiĝo. Ŝipojn por transpasi marojn. Ĉaregon por veturigi la ŝipon ĝis la maro. Du virojn kiuj tiru la ĉaregon. Lev-gruon, kiu en- kaj el-akvigu la ŝipon. Alian ŝipon por veturigi la lev-gruon. Alian ĉaregon por ĝis-marigi ĉi tiun ŝipon. Kaj tiel plu, kaj tiel plu.

Li prenis alian paper-folion kaj komencis kalkuli: skatolo kun medikamentoj kostas 7 frankojn kaj 20 centimojn, pluv-ombrelo 52 frankojn... ĉarego... ŝipo...

"Do li aĉetis nenion krom granda skatolo, li surŝultrigis ĝin kaj li foriris malrapide..."

"Li devus havi naŭdek jarojn... foje kaj refoje mi iras antaŭ la domon kaj rigardas al okcidento, kaj mi ekĝojus, se... li paŝus el la arbaro... ridetante ... kaj dirus: "Nun mi kredas, ke la tero estas globa!"

La viro kun bona memorkapablo temas pri viro, kiu parkere lernis la fervojan horaron, kaj al ĉiu diris la vetur-indikojn, sed neniun tio interesis. Li pensis ankaŭ, ke estas superflue ien veturi, se oni anticipe scias, kiam la vagonaro tie alvenas.

Tablo estas tablo, ĉiu scias, sed maljunulon tio ektedis. Li decidis, ke objektoj interŝanĝu siajn nomojn. Kaj la liton li nomis bildo. La tablon li nomis tapiŝo. La seĝon li nomis horloĝo, la gazeton li nomis lito. La spegulon li nomis foto-albumo. La ŝrankon li nomis gazeto. La tapiŝon li nomis tablo. Do:

"Matene la maljuna viro longe restis en la bildo, je la naŭa sonis la foto-albumo, la viro elbildiĝis kaj ekstaris sur la ŝranko, por ke ne frostu liaj piedoj, poste li elprenis siajn vestojn el la gazeto, vestis sin, rigardis en la seĝon de la muro..."

"Tamen baldaŭ poste la tradukado fariĝis malfacila, li preskaŭ forgesis sian malnovan lingvon, kaj li devis serĉi la ĝustajn vortojn en la bluaj kajeroj."

"Lian bildon la homoj nomas lito.
Lian tapiŝon la homoj nomas tablo."

Plej bela estas la rakonto Jodok vin salutas, pri avo, kiu ĉiam mensogadis al sia nepo kaj familio pri ia onklo Jodok, kiu tre ĝojus, se scius, ke lia nepo volas fariĝi arbaristo, kaj al kiu li eĉ telefonadis.

"Bonan tagon, onklo Jodok, kiel vi fartas, onklo Jodok, ne, onklo Jodok, ho certe, onklo Jodok..." Kaj li venis al ni, por sciigi: "Jodok salutas vin!"

Ĉar en la ŝatata nomo ***Jodok*** estas du parol-sonoj ***o***, poste li ĉion plenigis ĝuste je vokaloj ***o***. Li diris ekzemple: "*Onklo Jodok vozotos non, lo ostos soĝo homo, no vojoĝos morgo ol onklo...*" Fine li anstataŭ ĉiu vorto iel enfrazigis la nomon Jodok. Li el gazeto legis: "Je Jodok okazis sur Jodok apud·Jodok Jodok, kiu pereigis du Jodokojn. Jodok veturis per Jodok de Jodok al Jodok..."

"Bedaŭrinde... la historio ne estas vera – diras la aŭtoro – Mi estis ankoraŭ tre malgranda, kiam li forpasis... li diris iun fojon: 'Kiam onklo Jodok estis ankoraŭ vivanta'. Kaj mia avino diris: 'Ĉesu pri via Jodok...'"

**JODOKAJ JODOKOJ**

**percepti:** vidi kaj kompreni
**groteska:** monstre malbela
**citi:** laŭt-legi aŭ deklami el libro.
**globa:** pilko-forma.
**itinero:** vojaĝ-plano.
**gruo:** maŝino por levi pezajn objektojn.
**parkere:** laŭ-memore.
**anticipe:** jam pli frue.
**mensogi:** diri malveron.
**vokalo:** literoj *a,e,i,o* kaj *u*.
**forpasi:** pli milda vorto por *morti*.
**izolita:** longe for de aliaj homoj
**jodok:** lundo, mardo, merkredo, ĵaŭdo, vendredo, sabato, dimanĉo, insulo, urbo, tero, rivero, monto, domo, turo, akcidento, spektaklo, incidento, surprizo, ktp. ktp.

Alia rakonto La inventisto temas pri inventisto, kiu sukcesis, tute izolita, sola, inventi televidilon. Li venis poste en urbon, kaj la vendejoj estis plenaj de televidiloj. Li revenis hejmen, kaj inventis la aŭtomobilon kaj poste ankaŭ la rul-ŝtuparon.

Ĉi tiu libro estas tre bela.

*Blazio Vaha, Budapeŝto.*

---

# HU, HU, HU, Ho, GRU'!

### *rakonto, kiu montras la gravecon de lerta pensado*

Iam, okaze de besto-ĉasado, sinjoro Konrad buĉis gruon. Li dungis agrablan kuiriston nomita Kinkibio, sed stultemulo estis li. Li kuiris la birdon laŭ agrabla maniero. Ĝi eligis belan odoron, kiam eniris la amantino de la kuiristo en la kuirejon. Ŝi ege deziris manĝi parton de la birdo, kaj post kelkaj interkonsentoj, por plaĉi al la amantino, Kinkibio fortranĉis la femuron kaj donacis ĝin al ŝi.

Tiun tagon, en la granda domo de s-ro Konrad estis multaj gastoj, kaj la birdo estis prezentita kun nur unu femuro. Unu gasto konstatis tion, miris kaj sciigis la gastiganton pri la manko de la dua femuro. La gastiganto alvokis la fi-kuiriston kaj pridemandis lin. Kinkibio estis mensogema kaj asertis, ke la birdo havis nur unu femuron. Tiu stranga respondo mirigis ĉiujn gastojn.

"Ĉu vi kredas, ke mi neniam vidis gruon?" demandis s-ro Konrad.

"Estas vera, kion mi diras, mi montros al vi!" respondis la kuiristo.

S-ro Konrad silentis pro la fremdaj gastoj, sed tiu respondo nepre kolerigis lin, dum ĝi nur ridigis la gastojn. Li forigis la kuiriston per la vortoj: "Do, morgaŭ matene vi montros al mi la unu-femuran gruon!"



**Kon'-gruaj vortklarigoj**

**buĉi:** mortigi.
**dungi:** doni laboron.
**gruo:** granda long-pieda birdo
**femuro:** supra parto de la kruro
**mensogema:** kun inklino ne diri la veron.
**venĝemo:** kun inklino al repago aŭ rekompenco pro sufero el antaŭa malbona ago.

La postan matenon, s-ro Konrad vekiĝis frue, la koro plena je venĝemo, kaj iris al la rivero kun la fi-kuiristo. La kuiristo timis, kion fari? Ĉu forkuri? Ĉu peti pardonon? Sed kiam ili alvenis, Kinkibio unue ekvidis dudekon da gruoj, kiuj staris kune, ĉiu sur unu kruro, kiel ili kutimas dum ili dormas!

"Vidu, sinjoro, ĉu mi ne pravis hieraŭ? Rigardu kaj nombru la piedojn!"

S-ro Konrad rigardis, sed kompreneble respondis: "Rigardu, mi montros al vi, ke ĉiu el ili havas du piedojn!" Li proksimiĝis al la gruoj kaj laŭte kriis: "**Hu, Hu, Hu**!"

Tiu bruego vekis la birdojn kaj ĉiu mallevis sian duan piedon.

"Nu, amiko mia," diris s-ro Konrad: "Ĉu gruo havas unu piedon?"

"Ho, senkulpigu min! Sed hieraŭ, kiam mi kaptis la gruon, mi ne kriis '**Hu, Hu, Hu**!' kaj tial ĝi ne elmetis la duan kruron!"

Tiu simpla sed stranga respondo plaĉegis al s-ro Konrad kaj ridigis lin: "Vere, Kinkibio, mi pardonas vin. Iru! Sed ne revenu!"

Per tiu simpla sed plaĉa respondo, la fi-kuiristo eskapis la punon de la mastro.

*Sambar-Bana Rikardo, Togolando* *(v. paĝon 28.)*

---

# NIAJ PIONIROJ

**Esperanto naskiĝis antaŭ 107 jaroj. Ĝi estis nur unu el centoj da projektoj por prezenti internacian lingvon al la mondo. La proponoj pli fruaj ol Esperanto restis teoriaj ideoj aŭ revoj, vere nur unu, Volapuk, diskoniĝis kaj altiris homojn, kiuj fakte volis uzi ĝin kaj aktive propagandi ĝin. Sed tiu lingvo, baldaŭ post la apero de Esperanto, velkis kaj praktike malaperis. Kial Esperanto sukcesis fariĝi viva lingvo kun parolantoj kaj aktivuloj, dum ĉiuj aliaj projektoj restis surpaperaj? Nu, en ĝiaj fruaj jaroj, tio dependis tre forte je la persisto kaj energio de malmultaj aktivuloj — niaj pioniroj, la movadaj movantoj.**

**Feliĉe, la kreinto mem havis multajn talentojn, li estis ne nur lingvisto. Li bone komprenis, ke lingvo estas socia fenomeno, tio estas, ĝi bezonas grupon da homoj, kiuj parolos kaj uzos ĝin. Do, li devis ne nur elpensi kaj krei la lingvon, sed krome disvastigi ĝin. Li devis ekesti varbisto, reklamisto. Poste, tradukisto, verkisto, administranto, ekspedisto, diplomato, arbitracianto, kuraĝigisto.**

**Unue, li devis trovi la monon por lanĉi la lingvon kaj pagi la presiston de la *Unua Libro*. Ĉu vi scias, de kie li ricevis tiun monon? Eltrovu tion! Due, li devis superi multajn obstaklojn. Jam baldaŭ post la lanĉo de la unua gazeto en Esperanto, la cenzuristoj malpermesis ĝin en Rusio, kie loĝis tri kvaronoj de la**

legantoj/lernantoj. Feliĉe, informoj pri la nova lingvo jam iris al aliaj landoj, kaj la novaj entuziasmuloj tie transprenis la gazeton, savante ne nur ĝin, sed verŝajne eĉ la lingvon mem.

Post tiuj unuaj riskaj jaroj, la lingvo kreskis kaj disvastiĝis tiom, ke ĝia plu-vivo kaj estonteco ne dependis plu plene je la aktiveco de malgranda grupo de individuoj. Ĝi havis sufiĉajn parolantojn en diversaj mondpartoj, ke nek obstakloj en iu ajn lando, nek la malapero de difinitaj individuoj, povus plu mortigi la lingvon.

Tamen, precipe tra la unuaj 50 jaroj de Esperanto, la rolo de elstaraj individuoj ludis grandegan rolon en la progreso de la lingvo. En tiu tempo ĝi atingis plej forajn angulojn de la terglobo, kaj miloj da libroj estis verkitaj.

Do, sur la mezaj paĝoj, ni prezentas enigmon por vi. La familiaj nomoj de dek unu fruaj aktivuloj aperas grandlitere, sed la literoj estas miksitaj. Inter ili vi trovos dek unu tekstojn, kiuj donas kelkajn faktojn pri la personoj. Via tasko estas ordigi la literojn por trovi la nomojn kaj ligi ilin kun la ĝustaj priskribaj tekstoj. Por malfaciligi la taskon, ni aldonis la nomojn de tri famaj ne-esperantistoj el la periodo. Eltrovu ilin kaj verku kelkajn liniojn pri iliaj vivoj kaj faroj.

Sendu al *Juna amiko* (adreso p.2) la liston de ĉiuj nomoj, kun indiko, kiu teksto rilatas al kiu esperantisto, kaj kun viaj propraj tekstoj por la ne-esperantistoj. Ni lotumos premiojn el inter la bonaj respondintoj malpli ol 16-jaraj, kiuj atingas nin ĝis la 31a de marto 1995.

*smg*

## PIONIRAJ VORT-KLARIGOJ

**projekto:** plano.
**propono:** sugesto.
**teorio:** detala ideo, ankoraŭ ne provita praktike.
**revo:** taga sonĝo aŭ bela imago.
**propagandi:** sisteme disdoni informojn pri io.
**velki:** malkreski.
**disvastigi ion:** kaŭzi, ke io eniru novajn regionojn.
**obstaklo:** mal-helpo, baro.
**lanĉi ion:** ek-funkciigi ion.
**varbisto:** iu, kiu konvinkas aliajn pri io.
**cenzuristo:** iu, kiu decidas, kio rajtas kaj ne rajtas aperi en gazeto, radio, televido, kinejo aŭ teatro.
**kreinto:** tiu, kiu kreis ion.
**arbitracianto:** tiu, kiu decidas kiu pravas en disputo aŭ konkurso.
**priskriba:** karakterizanta.

# MOVADAJ MOVANTOJ

Defendis Esperanton kontraŭ la konkurenca lingvo Ido en 1909 per la slogano 'Ni fosu nian sulkon'.

Fondinto de la Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) en 1921.

Veturis al Parizo en 1914 por la 15a Universala Kongreso, sed pro la Unua Monda Milito devis reiri hejmen korrompita per ne-rekta vojo tra Svedio.

Estonino, kiu esperantistiĝis en 1913, kunlaboris kun la budapeŝta gazeto Literatura Mondo, tradukis multe el baltaj kaj aliaj lingvoj, verkis multajn poemojn.

Laŭdire, tiu pionira verkisto kaj tradukisto havis la unuan konversacion en Esperanto, kun Zamenhof mem.

La plej fama instruisto de Esperanto, kiu pioniris rekt-metodan instruadon kaj gvidis milojn da kursoj mult-lande.

Fondinto de religio, kiu eklernis Esperanton en 1923 kaj la postan jaron fondis asocion EPA (Esperanta Propaganda Asocio) kadre de ilia religia centro.

Japana kuracisto kaj la unua ne-eŭropa prezidanto de UEA (1928-1932)



Fondinto de UEA: Universala Esperanto-Asocio en Ĝenevo en 1908.

Vizitis Zamenhof en Varsovio meze de la Unua Monda Milito en decembro 1916, nur ses monatojn antaŭ lia morto.

Devis prezenti Esperanton al internacia konferenco en 1907, sed anstataŭe prezentis modifitan projekton 'Ido'.

# ARANĜOJ en 1995

## Januaro 9a ĝis 19a majo

La Popola Alt-lernejo en Karlskoga, Svedio, ofertas tut-semestran intensivan lingvo-instruan kaj metodikan kurson kun 24 studhoroj semajne, inkluzive de uzo de lingvo-laboratorio. Oni akceptos komencantojn en Esperanto. La studantoj loĝos en modernaj unulitaj ĉambroj kaj manĝos kune en la lerneja manĝejo. Aliajn studfakojn oni rajtas paralele sekvi: ceramiko, teksado, komputado ktp. Kosto 10800 SEK. Informoj: Karlskoga Popola Altlernejo, S-691 24 Karlskoga, Svedio. Tel. 0586-503 60. Fakso: 0586-370 77.

## Marto 24-26 (vend.-dim.)

Instensa kurso pri komunika instruado, kun praktika gvido en la uzado de la tria kajero de *Tendaraj tagoj*. Kiel organizi rol-ludojn kaj paroligi lernantojn. En klubejo *Esperejo* en Budapeŝto, gvidota de S. MacGill. Organizos: ILEI kaj HEJ. **Kursokosto:** 800 HUF por hungaroj kaj reform-eŭropanoj, 25 DEM (999 kaj 35 kun la libro). Ni proponos loĝigon en komunaj gastejoj (ĉ. 500HUF aŭ 15 DEM nokte) aŭ en pensionoj (2500 HUF aŭ 40 DEM). **Loĝiga antaŭpago:** 800 HUF aŭ 25 DEM. Pagoj al la konto *heja-b* ĉe UEA, aŭ en Hungario al la konto de MIESZ ĉe MHB, 6-os fiók, n-ro 315-10976 Petu pagilon kaj pli da informoj de: HEJ, Erika Tóth, Kinizsi u. 6, HU-2360 Gyál, Hungario.

## Aprilo 14- 21

11a Printempa Semajno Internacia (PSI). Familia kunveno organizita de GEA en Waldfischbach *(valtfiŝbaĥ)*, Palatinato, Germanio. Apartaj programoj por infanoj. Kotizoj de 120 ĝis 430 DEM. Petu aliĝilon de W. Bohr, Johannes-Kirschweg 11, DE-53474 Bad Neuenahr-Ahrweiler.

## Julio 22-29

80a Universala Kongreso de Esperanto en Tampereo, Finnlando, kune kun Infana Kongreseto por 6–13-jaruloj. Informoj: UEA, Nieuwe. Binnenweg 176, 3015 BJ Roterdamo, Nederlando

## Julio 29 - Aŭgusto 4

29a Konferenco de ILEI en Övik, Finnlando (50 km. de Helsinki), kune kun Gimnazio por 13–16-jaruloj. Restado en 2-, 3- kaj 4-litaj ĉambroj en apudmara centro. Kotizoj por programo, loĝigo kaj manĝoj: 340 ĝis 370 NLG (1460 ĝis 1600 SEK), por reform-eŭropanoj 15.000 ĝis 24.000 HUF. Tendumado eblas. Informoj de ILEI, B. Andreasson (adreso p.2)



## Aŭgusto 10-16

Renkontiĝo de Esperantistaj Familioj (REF), Tatabanya, Hungario. Informoj per la adreso de *Juna amiko*.

# RIGARDU EN MIAJN OKULOJN...

"Rigardu en miajn okulojn. Ili estas la spegulo de mia animo" Tiel diras proverbo. En la okuloj vi ekkonas multon: amon aŭ malamon, ĝojon kaj malĝojon, viglecon kaj serĉemon, sed ankaŭ dormemon aŭ malsanon, eĉ la morton. Per la okuloj vi perceptas la mondon. Vi ĝuas la helon, la sunon, vi ĝojas pri la naturo, la birdoj, la floroj, la belegaj koloroj. La okuloj estas ankaŭ komunikiloj inter la homoj. Per ili vi kontaktas viajn familianojn, geamikojn kaj fremdulojn. Ekde la vekiĝo ĝis la endormiĝo la okuloj servas vin por orientiĝi en via ĉirkaŭo. Kun helpo de ili vi ludas, sekure paŝas, legas, moviĝas en la lernejo, surstrate aŭ hejme. La okuloj direktas ĉion, kion vi entreprenas.

Sed kio okazas, se ili ne plu funkcias? Ĉu vi povas imagi tion? Vi kvazaŭ falas en abismon, en eternan malhelon. Mi memoras infanludon kun la nomo "Blinda bovo". La "blinda bovo" estis tiu infano, al kiu ni per tuko firme estis kovrintaj la okulojn. Poste ni turnis la infanon pluroble ĉirkaŭ-akse, por ke ĝi perdu la orientiĝon. Nun ĝi devis trovi kaj kapti iun el la ĉeestantaj infanoj, kiuj vidantaj! — facile kaŝis sin antaŭ la "blinda bovo". Sen orientiĝo, palpadante per elstreĉitaj brakoj, kun malcertaj paŝoj la "blinda bovo" vagadis tra la ĉambro pene provante kapti alian infanon. Iam oni tamen sukcesis. Nun la kaptito fariĝis "blinda bovo". Feliĉe, tio estis nur ludo, kiun ni ĉiam laŭplaĉe povis fini.

Sed kiom da veraj blinduloj vivas sur nia Tero? Estas dekoj da milionoj, kiuj bedaŭrinde ne plu povas ŝanĝi sian sorton. Plej ofte ili vivas en ege mizera situacio. Labori ne plu eblas al ili, sekve kompreneble mono, la rimedo por la vivotenado, mankas. Sen helpo de familianoj aŭ parencoj la sorto ofte faras el ili almoz-petantoj. Kia vivo! Perdi la memstarecon kaj ĉiam esti dependa de aliuloj!

Kio kondukas al blindeco? Plej ofte tion kaŭzas malsanoj kiel katarakto (tio estas malklariĝo de la okulaj lensoj) aŭ glaŭkomo ( tio estas mortigo de la vidoĉeloj kaŭze de tro alta premo okulinterne) aŭ simple lezo (vundo) de la okuloj pro diversaj akcidentoj.

Katarakto tamen estas kuracebla per operacio. Multaj kirurgoj jam laboras per modernaj, elektronikaj operaciiloj. Tra nur tri-milimetra tranĉo en la okula haŭto ili ŝovas maldikan sondilon. Per ultrasono ili dispecigas la malklaran lenson kaj per suĉilo elsuĉas la likvaĵon. Poste ili enmetas plastan lenson kaj fiksas ĝin. Kudrado de la vundo eĉ ofte ne

## OKULAJ VORT-KLARIGOJ

**spegulo:** objekto en kiu vi povas vidi vin mem
**animo:** spirito, vivo-forto
**percepti:** vidi kaj interpreti
**abismo:** profundego
**akso:** centra punkto
**palpi:** esplor i per tuŝo
**almozo:** help-mono
**kirurgo:** kuracisto, kiu operacias
**haŭto:** ekstera parto
**kudri:** kunligi per fadeno
**preventi:** malhelpi
**anatomio:** studo de la korpo
**metio:** fako, okupo
**profesio:** alt-kvalita fako, okupo
**fajna:** delikata



necesas. La operacio daŭras nur ĉirkaŭ duonan horon kaj la paciento ĝenerale poste povas iri hejmen, plej ofte kun tre bona vida rezulto. Glaŭkomo estas preventebla per regula mezuro de la okulinterna premo kaj per medikamentoj. Lezoj de la okuloj pro aŭtoakcidentoj konsiderinde malaltiĝis post leĝa enkonduko de sekur-rimenoj en aŭtomobiloj.

Malgraŭ tio la nombro de okul-malsanuloj en la mondo daŭre altiĝas, interalie pro la ĝenerala plialtiĝo de la vivo-jaroj kaj la daŭra kreskado de la homaro. En libro mi legis, ke sole en Afriko 4 milionoj da homoj bezonus tiun koncernan kirurgian kuracadon, sed nur proksimume 400 okulistoj staras je ilia dispono. En multaj aliaj landoj, ekz. en Hindujo, la situacio estas simple malbona. Kiamaniere oni povas helpi al tiuj multaj bedaŭrinduloj por almenaŭ preventi totalan blindecon? Urĝe ili bezonas pli da kuracistoj !

Nu, kapablaj homoj por tiu ĉi profesio ne estas tro oftaj. Kiajn kvalitojn ili bezonas? Jam en la jaro 1538 la okulkuracisto George Bartitsch en sia libro *Ophtalmodulia, tio estas okuloservo* inter alie postulas:

" La okulisto kaj la okulkirurgo devenu de religiaj gepatroj, estu mem religia, sciu la Latinan lingvon kaj estu studinta la anatomion kaj la medicinajn sciencojn. Esti kirurgo signifas esti lerninta sian metion ekde la juneco. Li havu sanajn, junajn okulojn, havu fajnajn, lertajn, sanajn manojn kaj fingrojn kaj estu ambaŭmane kapabla. Li sciu desegni kaj skizi, por ke la manoj fariĝu fajnaj instrumentoj. Li ne estu avida je mono. Li ne estu aroga. Memkompreneble li ne estu drinkulo. "

Certe tiuj postuloj ne ĉiuj validas plu en nia tempo; aliaj, ekzemple lerta manipulado de diversaj elektronikaj helpiloj, aldoniĝas. Sendube, okulisto bezonas apartajn trajtojn karakterajn, korpajn, profesiajn. Ĉu vi konas personon kun tiaj dotoj? Mi kompreneble ja pensas pri la aŭtoro de nia lingvo Esperanto, L.L. Zamenhofo, kiu profesie estis okul-kuracisto. Li en siaj pacientoj ne nur vidis mono-alportantojn, sed homojn, al kiuj li volis helpi. Oni scias, ke li ofte senkoste kuracis siajn malriĉajn klientojn, kvankam li urĝege mem bezonis la monon por vivteni sin kaj sian familion.

Ĉu eble vi estas juna homo kun firma kaj bona karaktero, kun la supre menciitaj kvalitoj? Ĉu vi ankoraŭ pensas pri via estonta profesio? Kial ne decidi por la profesio de okul-kuracisto? Al miloj da homoj vi kapablus alporti novan, vivindan vivon. Ilia danko estus certa al vi.

RÖSSLER-BUCKEL Rita
Am Munchsbuach 6
D-67373 DUDENHOFEN

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

**Novaj lernolibroj:** ILEI akceptis en 1992 celon pretigi modernecan lernolibron de Esperanto por ĉiu ĉefa aĝ-grupo. Unue, venis la tri kajeroj de *Tendaraj tagoj*. Nun sekvis *Kunvojaĝu*, de la brita instruisto Paŭlo Gubbins cele al lernantoj inter 15- kaj 115-jaraj. ILEI kaj Edistudio kune ĝin eldonis. Ĝi havas firman kovrilon kaj 240 paĝojn. Ĝi estas nur esperant-lingva kaj ĝia baza situacio estas brita turisma agentejo, kiu pere de Esperanto ofertas siajn servojn al eksterlandanoj, precipe japanoj. Kromaj situacioj abundas – pri i.a. ekologio kaj la malfacilaĵoj trovi labor-postenojn. Multaj dialogoj kaj skribaj taskoj aktivigas la studantojn. Mendu ĉe Edistudio aŭ UEA: 30 NLG. Ĝi iam fariĝos akirebla por reform-eŭropanoj tra ILEI en Budapeŝto je 900 HUF.

**Radio Aŭstrio Internacia**, kiu ĉiusemajne dissendas programon en Esperanto, kunlaboras kun la projekto **Mondo-Rondo** el San Diego, Kalifornio, laŭ kiu eĉ ne-esperantistaj lernejanoj povos starigi rilatojn kun alilandaj lernantoj pere de Esperanto per interŝanĝo de bild-kartoj.

Vidu, kiom ni laboras, por ke **Juna amiko** aperu denove ĝustatempe, havu pli viglan aspekton kaj sekvu la dezirojn de la legantoj, laŭ la enketilo. Estas tre grave, ke la revuo havu pli da abonantoj. Niaj legantoj ne nur nepre mem reabonu, sed tre aktive konvinku instruistojn mendi ne nur unu ekzempleron, sed unu por ĉiu lernanto! Por tio ni donas grandajn rabatojn — vidu en la antaŭa numero! Se nur kvin aŭ ses klasoj prenus kolektivan abonon, ni atingus la 1500 abonantojn necesaj por sekurigi la financan bazon de la revuo!

***PS! Nur (re)pagintoj ricevos n-ron 95/1!***

# Ranĝo-ŝanĝa re-aranĝo

En nia antaŭa numero ni donis fervojan problemon, en kiu vi devis per la lokomotivo ŝanĝi la lokon de la du vagonoj. Jen sube nia solvo. Kelkajn solvojn ni jam ricevis de legantoj — verŝajne pli da solvoj venos ankoraŭ de multaj el vi. Ni atendos kaj premios ilin, precipe se ili estos pli lertaj ol nia. Mian sci-vol-emon pri viaj solvoj mi nun esprimos verse:

> **Ĉu vi ligis, ŝanĝis, puŝis, tiris?**
> **Ĉu sukcese ĉio iris?**
> **Verŝajne via solvo estas brila**
> **Ĉu al mia iom simila?**
> **Kaj ĉu pro via lerto ĉiu miris?**

Jen nia solvo al la vagon-ranĝado. La lokomotivo devas ekiri 15-foje, kaj ni devas ŝanĝi ŝanĝtrakon 9-foje. Se vi sukcesas pli ekonomie interŝanĝi la vagonojn, nepre skribu al ni, ĉar la fervojo devas ĉiel ŝpari monon!




❶ Iru per la lokomotivo ĝis la punkto **1**, ŝanĝu ŝanĝtrakon **2** al la kurba direkto, iru inverse ĝis vagono **A** kaj ligu la lokomotivon al ĝi.

❷ Tiru la vagonon A al punkto **1**, ŝanĝu ŝanĝtrakon **2** al la rekta direkto, puŝu la vagonon A ĝis la punkto **3**, malligu ĝin kaj lasu ĝin, reiru per la lokomotivo al loko **1**.

❸ Ŝanĝu ŝanĝtrakon **2** al la kurba direkto, ekiru inverse ĝis la vagono **B** kaj ligu ĝin al la lokomotivo.

❹ Puŝu la vagonon B ĝis loko **5**, ŝanĝu ŝanĝtrakon **4** al la rekta direkto, tiru la vagonon B. Iru ĝis vagono **A** kaj ligu ĝin al la libera fino de la lokomotivo.

❺ Ekiru denove al la loko 1, puŝanta vagonon **A** kaj tiranta **B**. Haltu, ŝanĝu ŝanĝtrakon 2 al la kurba direkto. Ŝanĝu direkton kaj iru ĝis la loko 6, nun puŝanta **B** kaj tiranta **A**. Malligu vagonon **B** kaj lasu ĝin en loko 6 — ĝia bezonata loko!

❻ Reiru al loko 1 puŝanta vagonon **A**. Ŝanĝu ŝanĝtrakon 2 al la rekta direkto. Tiru vagonon A laŭ la rekta vojo ĝis loko 5.

❼ Ŝanĝu ŝanĝtrakon 4 al la kurba direkto. Puŝu vagonon **A** ĝis la bezonata loko (7) kaj malligu ĝin.

❽ Iru per la lokomotivo ĝis loko 5, ŝanĝu la ŝanĝtrakon 4 por la lasta fojo, por ke la lokomotivo povu iri al sia originala loko (3).

---

## Alvoko al poem-ŝatantoj

Estas ĝojige aŭdi, ke plaĉis al legantoj de *Juna amiko* kelkaj el miaj poem-tradukoj, ĉefe estas kortuŝe, ke el Francio min salutis oni pro la traduko *La korvo kaj la lupo* de La Fontaine.

La plimulto de infanoj ŝatas legi, aŭdi kaj eĉ lerni poemojn, estas saĝe en lernejoj instrui la kremon de la nacia poezio. Lingvo sen propra vivanta poezio ne povas prosperi kaj ne estas escepto Esperanto. Do, mi celas bonege al-esperantigi el ĉiuj eŭropaj lingvoj la poemojn, kiujn la infanoj plej ŝatas kaj volonte parkerigas.

Ne estus malfacile kompreni la poemojn en Esperanto, ĉar poem-amantaj infanoj konus – eble eĉ parkere – la originalaĵojn en la propra lingvo. Tial mi petas ĉiun sendi al mi tiajn popularajn poemojn, komence ne-longajn (maks. 24 versojn), kiuj estas ritmaj kaj rimaj, en la originala lingvo, kun ritmo indikita, kaj kruda sed preciza traduko en Esperanto, se necese, kun klarigoj. Se jam ekzistas E-versio, bv. ĝin sendi kun la nomo de la tradukinto. En la nova eldonaĵo reklamata sube ni aperigos tradukojn kaj invitos komentojn kaj kritikojn.

koncizigita el teksto de *Miklós FEHÉR, Hungario*

Kion pensas kaj opinias niaj legantoj pri nia gazeto? Tion malkovros la...

# REZULTOJ de l'ENKETILO

Revenis pro la enketilo aperinta en numero 94/1 nur 32 respondoj (6 el Francio, po 3 el Hungario kaj Rumanio, po 2 el Germanio, Italio, Pollando, Rusio kaj Usono kaj po 1 el Argentino, Belgio, Ĉilio, Finnlando, Kanado, Niĝerio, Norvegio, Nov-Zelando, Svedio kaj Tanzanio). 18 venis de instruistoj aŭ -antoj, el kiuj 16 nune instruas E-on. Ok venis de lernantoj, el kiuj nur du lernas en lerneja kurso. La 25 instruistoj kaj aliaj scias E-on dum averaĝe 18 jaroj, studis ĝin dum 7 kaj abonas *Junan amikon* dum 6 jaroj. Por lernantoj 2.4, 1.6 kaj 1.8 respektive.

La lingvan nivelon en la revuo opinias taŭga 20, iom komplika 15, multe tro komplika 1 kaj tro simpla 1. Pri la aĝ-grupo celinda, oni rajtis elekti pli ol unu kategorio. Malgajnis forte la aĝ-grupo de 5- ĝis 8-jaruloj kun nur 3 voĉoj, 9–12-jaruloj gajnis 18 voĉojn, kun 23 por la 13–15-jaruloj kaj 13 por la 16–20-jaruloj. Similan bildon ni vidis ĉe la celinda nivelo. Komencantojn servi volis 11, post-komencantojn 26, mez-nivelulojn 19 kaj progresintojn 10.

Oni neniam korespondis ĉe precize la duono de la respondintoj. 4 faris nur unu-foje (kaj ĉiu taksis la rezulton nekontentiga – kio verŝajne klarigas kial nur unu-foje!) 3 faris 2–3-foje kaj 6 faris mult-foje (ili taksis la rezulton bona aŭ tre bona). Tio elstarigas la detruan efikon de korespondanto, kiu ĉesas respondi.

7 opiniis, ke ni devus ĉefe prezenti materialon por soluloj, same 7 pledis por grupe uzebla materialo, 18 por ambaŭ. 14 volis pli da legaĵoj ne-ligitaj al gramatiko, 8 volis malpli kaj 4 neniom. Surprize multaj (23) pledis por pli da artikoloj pri gramatikaj temoj, nur 2 volis malpli, 1 same kiel nun kaj 3 neniom. Eĉ pli fortan apogon gajnis ekzercoj por firmigi la gramatikon, 28 volas pli, 2 malpli kaj 2 neniom. 22 opiniis niajn vort-klarigojn bonaj, 1 malbona (tro la vortoj en unu fojo), male, 13 petis nin doni pli da vort-klarigoj.

| ENHAVO | Tre | Iom | Ne |
|---|---|---|---|
| Fabeloj | 21 | 8 | |
| Raportoj | 17 | 12 | |
| Skeĉoj | 17 | 12 | |
| Rol-ludoj | 15 | 13 | 1 |
| Kantoj | 13 | 12 | 3 |
| Poemoj | 8 | 12 | 9 |
| E-novaĵoj | 24 | 4 | 2 |
| Tabul-ludoj | 13 | 15 | |
| Bildstrioj | 13 | 15 | 1 |
| Krucenigmoj | 18 | 10 | 1 |
| Konkursoj | 14 | 14 | 2 |
| Dez. koresp. | 20 | 8 | 1 |

La tabelo apude montras la relativan popularecon de diversaj eroj, ĉu oni ŝatas ilin tre, iom aŭ ne. Iom da surprizoj, ĉu ne? Dankon denove al la bravaj malmultaj respondintoj!

*mg/smg*

## Ĝoĝo kaj Viko en la Esperanto-Klubo! de Martin Weickert

Se oni vizitas Esperanto-klubon, oni devas multe pensi kaj esti saĝa. Ne nur por ĉiam paroli Esperanton kaj neniam krokodili. Precipe, se en la programo estas demando-ludo aŭ kvizo!




peticio: pet-skriba dokumento kaj kampanjo. UN: Unuiĝintaj Nacioj (Unuiĝinta Naciaro).



### Kion vi pensas — ĉu geniuloj naskiĝas, ĉu ni povas krei ilin?

# Talento — lernejo de espero

En Budaörs, antaŭ-urbo de la hungara ĉef-urbo, ekzistas lernejo, kies nomo estas *Talento*. Feliĉe mi estas unu el tiuj bon-ŝanc-uloj, kiuj kunlaboras kun ĉi tiu vigla lernejo. Do, mi sentas, ke estas bone iom rakonti pri ĝi, esperante, ke *Juna amiko* ricevos informojn pri similaj esperantaj lernejoj aŭ klasoj en aliaj mond-partoj.

La titolo *Talento* ne signifas, ke nur talentuloj rajtas studi en la lernejo. Male, la gvidantoj kredas, ke ĉiu ordinara infano povas ek-esti sufiĉe bona talentulo kaj eĉ geniulo, kondiĉe, ke oni eltrovu iliajn kaŝitajn talentojn kaj ankaŭ ili estu bone gvidataj. Do, oni akceptas tute ordinarajn infanojn, sed okazas komence psikologiaj ekzamenoj.

Ekde la unua instru-jaro, la ses-jaraj gelernantoj lernas Esperanton kiel la unuan fremdan lingvon. La kvin-jara sperto jam montris, ke ili, post unu-jara lernado (sub gvido de eksterlanda instruisto uzanta en, antaŭ kaj post la lecionoj nur Esperanton) pli-malpli bone povas esprimi sin, kaj en la mezo de la dua jaro ili flue parolas Esperanton.

Ekde la tria instru-jaro, la gelernantoj eklernas la francan, kiel la duan fremdan lingvon, sur la bazo de la jam lernita unua fremda lingvo. La infanoj tuj eklernas la francan, ĉar unue multaj similaĵoj kaj komunaĵoj

ekzistas inter la du lingvoj kaj due, oni psike ne plu timas je fremdaj lingvoj sed male entuziasme frontas la novan lingvon por kiel eble plej frue paroli ĝin. Ekde la sesa lerno-jaro oni planas ekinstrui la trian fremdan lingvon.

TALENTAJ VORTKLARIGOJ

*talento:* speciala kapablo.
*geniulo:* iu kun eksterordinaraj pensaj kapabloj.
*fremda:* mal-propra, eksterlanda.
*esprimi sin:* diri tion, kion oni volas.
*psike:* el la profunda kaj emocia parto de la menso.
*fronti ion:* iri kuraĝe al io.
*okul-frapa:* atento-kapta, miriga
*onidiro:* populara, popola opinio.
*eminenta:* elstara, aparte lerta.
*okupiĝi pri io:* aktive trakti ion.
*reciproka:* ambaŭ-direkta.
*estimo:* respekto, admiro.

Do, Esperanto kaj esperantismo estas ĉefaj kaj bazaj elementoj en la lernejo. Krom la kutimaj stud-temoj en hungaraj lernejoj, oni donas apartan atenton al matematiko. Oni uzas la tradician japanan kalkulilon, sorobanon — oni instruas tiun temon kaj en la hungara kaj en Esperanto. La progreso de la lernantoj estas aparte okul-frapa kaj sukceso-plena. En la unua jaro la infanoj tiom rapide povas kalkuli kaj solvi matematikaĵojn enmense, sen uzo de papero kaj plumo, ke oni ne povas ne esprimi sian miron. Laŭ prava onidiro, en ordinaraj lernejoj, eĉ en la tria jaro, lernantoj apenaŭ povas mense kalkuli kaj problem-solvi tiom rapide kaj ĝuste.

La lernantoj de *Talento* sin prezentis en diversaj pri-edukaj konferencoj kaj kunvenoj, ekzemple en Budapeŝto (oktobro 1990), en Italio (1990), Anglio (1991), Hago (Nederlando 1991), Munkeno (Germanio 1992), en Svislando kaj Francio (1993). Naci-lingvaj ĵurnaloj kaj televidaj stacioj (interalie la usona CNN kaj la brita BBC) raportis pri iliaj demonstro-lecionoj eksterlande. Ofte eminentaj pedagogoj kaj geesperantistoj vizitas la lernejon kaj en gaja etoso babiladas kun la lernejanoj.

La lernejo apartenas al la Fondaĵo Talento, kiu samtempe, sub gvido de s-ro András Lukács, okupiĝas pri medio-protektado. Do, la lernantoj plie lernas fari ĉion, por ke la aero estu pura, la naturo vigla kaj verda. Krom tio, oni profunde instruas al ili, ke la homo estas valora kaj la inter-homaj rilatoj estu sur la bazaj principoj de reciproka estimo, paco kaj amikeco.

*Morteza Mirbaghian, instruisto.*






Lernantoj de *Talento* en Budaörs, apud Budapeŝto, kun siaj eksterlandaj instruistoj Morteza Mirbaghian el Irano (maldekstre) kaj Sjaak Jansen el Nederlando (malantaŭe dekstre).

Kvar lernantoj el la 8a klaso de la 16a Ĝenerala Lernejo de Oradea (Rumanio) decidis ekzameniĝi kun membroj de la Oradea Esperanto-Asocio kaj poste aliĝi al ĝi. La foto montras la disdonon de la diplomoj. De maldekstre: s-ino Irene Szücs (prezidanto de la Asocio), Gergely Erika, Török Gabriella, Làszlo Margit, Ivàn Tünde kaj instruistino Barabàs Suzana.



# Deziras korespondi

**Alĝerio**

24-jarulo skribis al ni france, petante korespondadon. Li kolektas pm. kaj adoras klasikan muzikon. Necesus iu, kiu povas korespondi france, sed informi pri Esperanto kaj eventuale sendi lernilojn: S-ro Kherbouche Hassan, 33 cité de la Gare, Aïnfezza, 13165, Tlemcen.

**Brazilo**

Raimundo Francisco, Rua 143, Cs. 65, 1a etapa, Conj. Ceara, BR-60530-210 Fortaleza (CE). Instruisto de E-grupo dez. kor. tutmonde pri ĉ.t. Interesiĝas pri sportoj, muziko, lingvoj, libroj, kolektas pm, pk. Respondos al ĉiuj.

**Nepalo**

Tulsi Charan Chuju, Nagdesi Village, Ward 9, Bhaktapur District (sur la foto) dez. kor. tutmonde por boniĝi sian scion de Esperanto kaj volonte ricevos lern-helpilojn.



**Rusio:**

Natalja Malkova (sur la foto), v. Ujskoe, str. Pionerskaja 40 a - 58, Ĉeljabinska regiono, RUS-456420 dez. kor. tutmonde. 19-jara, ŝi interesiĝas pri lingvoj, legado kaj pop-muziko. Kolektas etikedojn, bk. afiŝojn de pop-kantistoj kaj monerojn.

Borodin Alekseo, Lenin-str. 14, vil. Otradnaja, Krasnodara regiono, RUS-352250. 25-jara instruisto de fremdaj lingvoj. Dez. kor. tm. pri ĉ.t.

Verda Kolombo Esperanto-klubo. 20 geknaboj 11—15-jaraj. Kontaktu: Borodin Alekseo.



*Plum-amikoj kvar-kontinente!*

**Togolando**

Okayale O. Stanislao, E-klubo C-21, B.P. 20 255, Lome. 17-jarulo dez. kor. kaj interŝanĝi E-aĵojn kaj E-insignojn.

Sambar-Bana Rikardo, s/c M. Nambang K. Marira, B.P. 1029 Lome deziras ricevi almenaŭ unu korespond-amikon el ĉiu lando, aĝo ne estas baro.

# Kiu estas




Kiu estas Mazi?
Nu, ni ne estas tute certaj.
Kio estas Mazi? Ni certas eĉ malpli. Kia li (aŭ ĝi) estas? Nu — neniu dubo — Mazi estas **granda**. **Tre** granda. *Enorma*. Kaj plie? Pri la koloro ni egale certas. Mazi estas verda. Post du paĝoj, vidu, li estas verda. Vi mem rajtas verdigi lin sur ĉi tiu paĝo. Konforme al sia verda koloro, Mazi baldaŭ ekparolos Esperanton. Do, konatiĝu kun li.

Mazi estas ekster-tera monstro, sed amikema kaj ŝatinda. Lin prezentis al la mondo la renoma lingvo-instrua fako de la Brita Dissenda Kompanio *BBC*. Li ĉef-rolas en unu-hora vidbenda filmo, kiun montris televidaj stacioj en ĉiuj kontinentoj, kaj kiujn oni povas mem aĉeti por hejma uzo. Oni kalkulis, ke pli ol du miliardoj da homoj ĉirkaŭ la mondo eklernis iun fremdan lingvon pere de tiu Mazi-kurso.

Ni ne intencas nun prezenti la projekton detale, sed en ĉiu numero de *Juna amiko* ekde nun ni donos iom pli da informoj, kaj pri la kurso mem, kaj pri la progreso de la Esperanta versio. En la venonta numero ni prezentos la aliajn rolulojn, kaj en ĉiu numero ekde nun, unu rolulo prezentos kanton pri si. Mazi, kiel la heroo kaj nomanto de la serio, rajtas unue aperi.

Li venas de fora planedo kaj vizitas nian Teron, sed en alia tempo kaj alia loko, nekonata al ni — la regno Gondolando — fabela lando kun palaco, reĝo kaj reĝino, princino, aĉa kanceliero kaj... nu, ne ĉion mi tuj rakontu! El la kanto vi multon lernos pri Mazi, precipe pri liaj iom strangaj kaj timigaj manĝ-kutimoj!

Se vi tuj volas scii pli pri la projekto, skribu al la sekva adreso petante tion, kaj pri la ebleco jam antaŭmendi la vidbendon je avantaĝa prezo:

Internacia Esperanto-Instituto,
Riouwstraat 172
NL-2585 HW Den Haag
Nederlando. Tel. (070) 355 66 77.



# Kanto por Mazi

(el *Gondoland'* — *la Mazikalo*)



1. Ma-zi ve-nas el la spa-co



Al Gon-do-land' pa-la-co



Es-tas li tre gran-da
Eĉ hor-lo-ĝo - fran-da
Gus-to eks-ter-lan-da



A-pe-ti-to e-so-te-ra



- Fak-te eks-ter-te-ra!

***Por la kvara strofo:***



Taj-pi-la ek-a-dor' ktp.

***esotera:*** tre malkutima kaj speciala.

***franda:*** manĝema je bongustaĵoj.

***risorto:*** spirala metala peco trovebla en horloĝoj.

***ĝemi:*** eligi bruon pro malĝojo.

***maĉi:*** premi dente.

***cirkvito:*** kie fluas elektro.

***parkometro:*** maŝino per kiu oni pagas por la rajto parki aŭton.

***malico:*** malbonvolo

***provoki:*** fari ion, kion aliaj ne ŝatos.

***prizono:*** mal-liber-ejo

***adori:*** ŝategi

***vori:*** manĝi vigle.

***ĉelo:*** ĉambro en malliberejo.

***celo:*** intenco.

❷

Sen maŝinoj li suferas
Risortojn ja preferas
Ne tre kuk-manĝema
Pro banan' nur ĝema
Aparat' maĉema
'Stataŭ tunoj da biskvitoj
— Gramoj da cirkvitoj.

❸

Parkometrojn en la vico
Li voras sen malico
Homojn li provokas
Forte ilin ŝokas
Policistojn vokas
Per atako tre subita
— Mazi arestita.

❹

Monstron al prizono portis
Al ĉef-serĝent' raportis
Tajpila ekador'
Per unu-gluta vor'
Maŝino tute for!
De ĉielo al la ĉelo
— Estis ne la celo.






*Rekantaĵo:*

**Vekiĝu muzikant'
Aŭdiĝu Mazi-kant'!
Jen versoj de gratul'
Por Mazi la Verdul'
Li venis al la Ter'
Sopiras je liber'!**







**Teksto:**
Stefan MacGill
**Muziko:**
Gyöngyi Mézes
(Perlo Miela)

40 HUF (60 kun livero)

**Ni anoncas jam nun niajn verbajn temôjn por la venonta jaro, por pensigi vin kaj kuraĝigi vin kontribui bonajn kaj aktivajn dialogojn, rakontojn, enigmojn aŭ kantojn. Ni premios verkojn, kiujn ni aperigos! Ni ĵus grandigis nian ekspedo-liston — ekde nun ni havos legantojn en 85 landoj, kaj atendas kontribuaĵojn de ili ĉiuj!**

# TEMOJ '95

**Certe interesos vin**
**Niaj temoj 'naŭdek kvin'**
**Aktivigaj por la cerboj**
**Ĉar ĉiuj vervaj verboj.**
**Al verkado ili spronos...**
**Eĉ premiojn ni disdonos!**

❶

Por inaŭgur' de nova jar'
Ni elektis temon ĉar...
Estas firma la intenc'
Esplori pri **komenc'**
Kaj **fin'** de ĉio entempa.
Kun multe da sentem' pa...
...roli pri la ĉesoj kaj la ekoj
De bonaĵoj kaj de pekoj.



❷

Via frando estos ĝua
Pro nia temo dua
Pri ĉiu-speca manĝo
de bifsteko ĝis oranĝo!
Estas certa la konvinko,
Ke plaĉos tem' pri **trinko**.

❸

Numero tri nord-monde trafos
Novan lerno-jaron — havos
ĝustatempan, ne tro fruan
temon **lern-instruan**.
Bonvenos ŝerca dialog'
Pri student' kaj pedagog'

❹

En moderna viv' efika
Ne restas mult' statika.
Por nia kvara tem' edifa
Podia la ide' **modifa**.
Ni malbonaĵojn **ŝanĝu**,
Kaj mondon **rearanĝu**!

**Pri la temoj de la jar'**
**Eĉ pri ĉiuj kvar**
**Trakombu viajn mensojn**
**Kaj skribu viajn pensojn!**

*PS! Nur (re)pagintoj ricevos n-ron 95/1!*